# ESPERANTO EN AFRIKO

Oficiala bulteno de la Afrika Komisiono de UEA Numero 28 (2016: 3)

*Karaj legantoj,*

*Grandan dankon al vi, kiuj legas regule la bultenon, kiuj vizitas de tempo al tempo la afrikan retpaĝon:* www.esperanto-afriko.org *por informiĝi pri la planoj kaj atingoj en la kontinento pri nia lingvo.*

*En tiu ĉi nova numero estas novaĵoj pri kelkaj el tiuj etaj projektoj, kies realigo vivigas Esperanton kaj ĉiam fortigas la movadon en Afriko. En ĝi estas ankaŭ raportoj pri la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE), kies preparaj laboroj ne nur evoluas, sed ankaŭ malfermas bonajn perspektivojn.*

*Refoje dankon al vi ĉiuj, kiuj iel subtenas la organizon de la kongreso kaj aparte kiuj kompreneble jam anoncis sian ĉeeston en Tanzanio ĉi-jarfine. Venu renkonti nin en Bunda por kunĝui la kongresan etoson!*

***La redakcio***

************************************

# Vera grandanimulo neniam volas superi aliajn

En la ekesto de Esperanto en Afriko ĉefrolis multaj alikontinentanoj kaj Esperantaj organizaĵoj, precipe eŭropaj. Kelkaj el tiuj ĉi jam malaperis, dum aliaj plu vivas kaj ĉiel plu portas sian subtenon por la disvastigado de la internacia lingvo en la kontinento. Normalas, ke ni afrikanoj memoras tiujn rarajn personojn kaj organizaĵojn en nia Esperantujo kaj omaĝas al ili.

Certe niaj laŭdaj esprimoj varmigas al la nunaj subtenantoj la koron, sed ankaŭ la forpasintaj fierus, vidi nin uzi nian energion por la realigado de la idealoj de Esperanto: internacia frateco kaj la lingva justeco. Esperanto estas grava ilo por realigi tion.

Nia tasko kaj la plej grava estas ellerni la lingvon. Sed vera esperantisto lernas Esperanton ne por posedi unu plian lingvon, sed por malkovri per ĝi la mondon kaj servi per ĝi al noblaj pacaj interesoj. Ne necesas pensi pri grandaj, surprizaj faroj aŭ venkoj. Ne, tiaj agoj plejofte vekas en ni suspekton de sinamo aŭ potencavido de la aganto. Vera grandanimulo neniam volas superi aliajn, sed volas kompreni kaj helpi tiujn, kiuj vivas honeste kaj sincere.

Vera bonfaranto serĉas por si realigeblajn kaj aktualajn taskojn kaj faras ĉion eblan por atingi ilin. Tia estas jam Esperanto mem, kies bona posedo estas granda paŝo al la celo: krei ĉirkaŭ ni pli kaj pli vivindan vivon, en kiu regas respekto kaj amo al la homfrato sendepende de aĝdiferenco, raso, religio k.s. La kunagado de ni ĉiuj kaj precipe en la kontinento ĉiam estas grava, sed ekzistas, bedaŭrinde, fortoj, kiuj deziras ne nur superregi aliajn, sed daŭre subpremi kaj malrespekti ilin.

Por esti indaj je tiuj pli frue elstare menciitaj esperantistoj kaj organizaĵoj, ni devas prefere ankoraŭ entrepreni noblajn, utilajn taskojn kaj plenumi ilin. Nur noblaj agoj puŝos Afrikon antaŭen.

**Adjévi Adjé**

# Kelkaj utilaj informoj pri la ĉi-jara Afrika Kongreso

## Vicordo

Jam la sesan fojon la afrika Esperanto-movado prepariĝas por celebri tion, kion multaj konsideras la plej grava ero de ĝia agado: la Afrikan Kongreson de Esperanto, kiu gastos de la 24-a ĝis la 31-a de decembro 2016 en la tanzania urbo Bunda.

## Partoprenontoj

Partoprenontojn (bonvenaj estas ankaŭ ne-afrikanoj) atendas ampleksa programo, kiu unuavice celas kunigi esperantistojn ĉirkaŭ belaj sonĝoj: kunlaboro interafrika por pliaj paŝoj kaj helpo disvastigi Esperanton, cele al la komuna progreso de Afriko.

## Organizantoj

La kongreson okazigas kunlabore la Afrika Komisiono de UEA kaj la tanzaniaj aktivuloj, sub aŭspicio de UEA. Pliajn informojn oni trovas ĉe: www.esperanto-afriko.org.

## Kongreskotizo

La baza aliĝkotizo estas en eŭroj kaj dependas de tri landokategorioj kaj tri aliĝdatoj. Loĝado, manĝoj, ekskursoj kaj aliaj servoj estas aparte pagendaj por alikontinentanoj.
Ekde junio la civitanoj el:
A: Norda Ameriko, Okcidenta Eŭropo, Japanio, Suda Koreio, Israelo pagas 40 eŭrojn.
B: Landoj de Orienta Eŭropo, landoj de Sud-Ameriko kaj Ĉinio pagas 35 eŭrojn.
C: Ĉiuj landoj en Afriko kaj nemenciitaj landoj ĉe A kaj B pagas 10 eŭrojn por aliĝi.

## Statistiko

Ĝis la 15-a de junio 2016 estas aliĝintaj al la kongreso 12 personoj el 10 landoj. Tiuj landoj estas Benino, Burundo, DR Kongo, Francio, Kanado, Kenjo, Svedio, Sudafriko, Tanzanio kaj Togolando.

## Mono

En Tanzanio oni uzas TZSX kun moneroj je 50, 100 kaj 200, kaj biletoj je 500, 1000, 2000, 5000 kaj 10 000.
1 EUR ŝanĝeblas kontraŭ 2000 TZSX, kaj 1 usona dolaro kontraŭ iom malpli ol 2000 TZSX.

## Donaco

Eblas disponigi pagon aŭ donacon al la 6-a AKE pere de la konto "Afriko" ĉe UEA kun indiko "AKE-2016". Oni bonvolu kontakti la financan fakon de UEA je financoj@co.uea.org kun kopio al: ake-2016@yahoogroupes.fr. Ni estas dankemaj pro ĉiu malgranda kontribuo.

## Kongresa fil(in)o

Eblas ekzemple adopti difinitan afrikanon kaj transpreni ties kostojn pri la kongreso kaze, ke oni persone ne povas flugi al Afriko kaj ĉeesti en la kongreso.

## Subtena aliĝo

Tio estas, ke ĉiuj kiuj tion deziras, aliĝas kaj pagas la kongreskotizon en sia nomo. Poste, kiam venos la eblo mendi hotelon, manĝojn kaj ekskursojn, ili mendos nenion. Ilia kongreskotizo estos donaco al la kongresa kaso. Ilia nomo tamen aperos en la kongresa kajero.

## Rekompenco

Tiuj, kiuj subtene aliĝas al la sesa Afrika Kongreso de Esperanto aŭ kiuj transprenas la kongresajn kostojn de specifa afrikano kompreneble ricevos ekzempleron de la libro "Afrikaj Proverboj" kaj laŭeble ankaŭ raran aĵon, kiu estas tipa por Afriko kaj kiun oni povas montri en loka Esperanto-klubo aŭ al la komunikiloj.

**La Afrika Komisiono de UEA**

# Mulele Mbassa: la 6-a AKE respondas al nia aspiro



***Respondeculo de la Bunda E-Rondo, vi kunlaboras en la organizado de la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto. Ĉu vi povas iomete rakonti pri la preparado?***

Kompreneble. Bunda Esperanto-Rondo estas preparanta la ĉi-jaran AKE, en kunlaboro kun la Afrika Komisiono de UEA sub patroneco de Universala Esperanto-Asocio. La fondo de Bunda Esperanto-Rondo en 2013 mem fontis el la neceso kaj komuna deziro revigligi la nacian movadon, kaj plie ni ricevas necesajn klarigojn pri la kongresaj agadceloj.

***Kiel vi ricevis la novaĵon pri la moviĝo de la 6-a AKE al via lando?***

Miaj kolegoj kaj mi mem ricevis kun ĝojo kaj entuziasmo la novaĵon pri la aranĝo de la 6-a AKE en Tanzanio. Ni tamen esperas, ke la situacio baldaŭ normaliĝos en Burundo.

***En kio la aranĝo de la 6-a AKE povos helpi al konstruo de forta movado en via lando?***

Tiu kongreso estas avantaĝo por ni en tio, ke ĝi helpas reklami Esperanton kaj allogi surloke scivolemulojn al ĝia lernado. Per intensaj interŝanĝoj rete kun niaj eksterlandaj kunlaborantoj, ni ankaŭ lernas kaj plibonigas nian lingvo-konon. Dume, la kunlaboraj kaj amikaj rilatoj firmiĝas kaj plifortiĝas inter la novaj kaj malnovaj e-istoj surloke. Klopodoj estas farataj nun ankaŭ por konstrui ILEI-sekcion kaj oficialigi ĉe la enlanda instanco nian iaman landan asocion TEA. Ĉio ĉi estas flankefiko de la kongreso. Plie, la kongreso evidentigas al ne-esperantistoj, ke Esperanto estas vivanta lingvo, parolata de diversnacianoj tutmonde. Ĝi pruvas, ke la lingvo ne estas ekskluzivaĵo nur de la blankuloj.

***Restas ankoraŭ kelkaj monatoj antaŭ la kongreso. Kio ĝis nun estis farita kaj kio restas farenda?***

Ni sukcesis starigi laborteamon, kiu pluokazigas la preparlaborojn en kontentiga etoso. Ĝi traktis pri la kongresejoj kaj pri diversnivelaj hoteloj por tiuj, kiuj ne deziros tranokti en amasloĝejo. Provizora programo pri aktivaĵoj dumkongresaj pretas ĉe: *www.esperanto-afriko.org*, kun enhavo de laboraj, distraj kaj aliaj interesaj eroj. Konsultiĝoj okazas nun por findecidi la antaŭkongresan programon, kies informo disiros al la tuta mondo tre baldaŭ. Necesas eldoni kaj enmanigi invitilojn al kelkaj gravuloj de la ŝtataj instancoj kaj fari kaj sendi invitleterojn al ĉiuj, kiuj bezonas ĝin. Ni planas, pluplanas laŭ la deziroj de la partoprenontoj kaj ankaŭ laŭ bezonoj surloke, kio estas malfacila tasko, sed estas kapabla teamo por plenumi la planojn kaj restas multaj monatoj por intensa laboro. Mallonge, nia laboro ne ĉesos je la 31-a de decembro, kiam ni dankos kaj adiaŭos la partoprenintojn de la kongreso. Sed ni uzos la novan jaron, kaj la jarojn poste, por pli fortigi nian landan E-movadon, kiu bezonas strukture bone organiziĝi.

***Kion vi konsilus al la membroj de la Afrika Komisiono, al UEA-gvidantoj, al la potencialaj partoprenantoj por la komuna sukceso de la kongreso?***

Eble la aranĝo de la 6-a Afrika Kongreso ĉijare estis komuna decido el la 5-a kongreso 2013 kaj de la Afrika Komisiono, sed ĝi ankaŭ respondas al la nuntempaj aspiroj kaj deziroj de ni ĉiuj tie ĉi. Tanzanio povas esti avangarda kaj ankaŭ fekunda grundo por Esperanto, pro tio, ke nia lando estas la unua subsahara lando, kiu sur la kontinento enkondukis nacian lingvon sŭahila kiel lingvon de edukado en ĉiuj lernejoj. Mi volas diri al ĉiuj esperantistoj senhezite eluzi tiun okazaĵon por veni viziti nian ekzotan kaj mirindan landon, renkonte al afrikaj esperantistoj por fari honoron al ili kaj helpi diskonigi Esperanton en Afriko.

***Intervjuis la redakcio***

# Plej gravas reciproka respekto inter afrikanoj

Bonfarto de ĉiu ajn asocio, ĉu loka, ĉu internacia, dependas unue de ĝiaj membroj. Kvankam Esperanto en si mem ne estas asocio, pere de ĝi fondiĝas ĉie tra Afriko kluboj. La motivoj por krei klubojn ofte varias laŭ la intenco de la pioniroj. Tiuvidpunkte neniu intenco estas malpli bona ol la alia, sed gravas ke ĉiuj unuopaj membroj sciu antaŭe kial ili aliĝas en klubo.

Se membroj de klubo ne havas saman celon, evidente estos ĉiuspecaj malhelpoj al la evoluo de tiu klubo. Pro tio necesas, ke ĉiu klubo havu skriban regularon, kiun ĉiu membro, influhava aŭ ne, respektu.

Unu el la ĉefaj malhelpoj pri la movado en Afriko estas manko de tiaj reguloj aŭ malemo respekti ilin – se entute ili ekzistas. Foje aspektas, ke la regularon oni bakas laŭ la deziro de influhava pioniro. Konsekvence, la kluboj malvigliĝas kaj eĉ subite ĉesas funkcii, kiam tiu pioniro malaperas.

Se jam la mastrumo de klubo ne estas tiom facila loknivele, kiom ĝi estus je tutkontinenta skalo? La kulture granda diverseco de Afriko permesas al neniu sola pretendi ĉion scii, kio estas bona por la tuta kontinento, kaj ke sen lia konsento, nenio plu bone ekfunkcios. Certe la movado en Afriko ne nepre lamas pro nescio de alikontinentanoj pri Afriko, sed pro la emo de iuj afrikanoj, kiuj arogas al si la rajton kontraŭagi la komunan decidon de la plimulto. Palpebla ekzemplo de tio estas la situacio pri la sesa Afrika Kongreso: kvankam la Afrika Komisiono de UEA, konsistanta nur el afrikanoj, jam decidis pri la ofteco de la kongreso kaj fiksis je 2016 la realigjaron de la sesa, subite iu persono en nomo de grupiĝo kun apenaŭ kelkaj membroj, obstinas anstataŭigi decidon komunan per sia propra starpunkto.

Kiel ĵus menciite supre, Afriko estas kontinento kun diversaj kulturoj. Reciproka respekto inter afrikanoj mem estas grava por disvolviĝo de la lingvo. Esperanton lernas homoj pro diversaj kialoj. Ne gravas ĉu tiuj kialoj malsimilas. Se ili nepre devus simili, Esperanto iĝus lingvo de religio kun rigida dogmo. Tia dogmo jam tro abundas. Certe ĝin la kontinenta movado ne plu bezonas por bone farti.

**Jean Codjo**

# Stato de la afrika agado nuntempe en la kontinento

Laŭ diversaj datumoj, ekzistas nun kontakto pri Esperanto en 22 subsaharaj afrikaj landoj. El tiuj 17 landoj havas aŭ deklaris asocion, 8 havas aliĝintajn asociojn ĉe UEA, 5 kun landa sekcio de TEJO kaj 5 kun landa sekcio de ILEI. ILEI krome havas reprezentantojn en du pliaj landoj. Do la ligo entute havas vizaĝon en 7 landoj sur la kontinento.

En Tanzanio klopodoj nun estas farataj por starigo de LA de UEA kaj LS de ILEI. Peto pri tio jam estas prezentita al ILEI, kaj alia al UEA realiĝos antaŭ ĉi jarfino.

Ankaŭ estas imagebele, ke lige kun sia propono gastigi ILEI-konferencon, Senegalo en pli proksima estonteco (ĝis aprilo 2017) pretigos samtempe petojn por fondo de landaj ascio de UEA kaj sekcio de ILEI.

Notindas, ke en la kontinento funkcias Afrika Oficejo (AO) en Lokossa, Benino, kie oni povas obteni lernolibrojn. La retadreso de la oficejo estas: *afrika.oficejo@gmail.com*.

Se iu lando sur la kontinento ne aperas en tiu ĉi listo, sed en tiu lando jam estas dekoj da e-istoj, oni povas klopodi fondi landan asocion kaj starigi ligon kun la Afrika Komisiono. En tiu kazo oni bv. ekrilati kun: *adjevia@gmail.com*.

La Afrika Komisiono de UEA konsistas nur el afrikanoj (5). Ĝi havas ligon kun asocioj kaj kun esperantistoj en multegaj landoj. Oni bv. rigardi la tabelon sur la paĝo 8, por pli scii!

# Filmo «Infanaj Rajtoj», interesa malgraŭ mankoj

**Kahindo Jérémie: *Infanaj Rajtoj*. Bentha Video Produktejo, DR Kongo, 2014. 26-minuta filmo, DVD. [10 eŭroj, ĉe SAT-Amikaro kaj ĉe la aŭtoro mem].**

En la filmo (*https://www.youtube.com/watch?v=ebgOo0iMdD4*) oni konatiĝas kun la ĉarma fraŭlino Linda. Ŝia patro vivas tradician vilaĝan vivon kiel farmisto sen grandaj scioj pri la rajtoj de infanoj. Iutage, pro peto de knabo reveninta el la urbo, la patro decidas perforte edzinigi sian adoleskan filinon Linda.

La prezentaĵo kun subtekstoj en la angla lingvo rilatas multe pri konkretaj problemoj, kiel perforta edzinigo, sinteno de patro senscia pri la deziro de sia infano frekventi lernejon k.s. Ankaŭ la konduto de la vilaĝanoj, instruisto kaj aliaj, kiuj jen helpas, jen malhelpas, gravas en la filmo. Por eksterafrikano eble ĉio ĉi estas ne imageble absurda, sed por enkontinentano, kaj aparte tiu kiu vivas en vilaĝoj kie pli kaj pli malfacilas trovi rimedojn por vivteni sin, ĝi estas interesa. Kiam oni rigardas la filmon, oni certe komprenas multon pri kutimoj en afrikaj vilaĝoj kaj ankaŭ la ĝenojn, kiujn virinoj alfrontas ĉiutage en la tradicia vivo.

El la lingva aspekto, rimarkeblas kelkaj malfacile kompreneblaj aferoj, ekzemple *infana rajteto*. Pro malbona prononcmaniero de kelkaj aktoroj, malfacilas kompreni iujn vortojn kaj frazojn. Estas ankaŭ multaj gramatikaj malglataĵoj en la produktaĵo, kiu mem estas farita per ne sufiĉe bonkvalita ilaro.

Tiuj aferoj tamen ne malhelpas kompreni la scenaron, kiu disvolviĝas fakte en vilaĝaj medio kaj realaĵo. Entute la kinaĵo estas ĉarma kaj rekomendinda, precipe por kuraĝigi la iniciatinton, kiu ne nur aŭdacis fari filmon en la internacia lingvo pri aktualaĵoj en Afriko, sed ankaŭ bezonas vivteni sin. La filmo denove spektiĝis ĉi-junie en Lomeo (Togolando) kadre de la 12-a Babilmanĝa Renkontiĝo, dum kiu ĉiuj atente frandis ĝin malgraŭ ĝiaj mankoj.

Kahindo Jérémie naskiĝis la 16-an de junio 1990 en DR Kongolando kaj eklernis Esperanton en 2009. Li nuntempe loĝas en la urbo Uvira, Sudkivuo, kie li aktivas por la disvastigo de Esperanto per ĝia instruado, danke al subteno de SAT-Amikaro kaj de la asocio E-Plus. Lia retadreso estas: *jeremiahrufigi@live.fr*.

**A. Adjévi**



# La unua Esperanto-retradio en Afriko

Antaŭ kelkaj monatoj ekfunkciis la unua afrika retradio, nome Aminda Retradio Esperanto sub la prizorgo de la esperantisto Fidilalao Henriél Firaisana en Madagaskaro.

Tiu radio elsendas ĉiun semajnon esperantlingve pri la ĉiutaga vivo, Esperanto-historio, planoj, atingoj, agadoj en Madagaskaro kaj ĝenerale en la kontinenta Afriko. Ĝi prezentas en siaj programeroj ankaŭ muzikon en Esperanto kaj aliaj lingvoj.

Aminda Retradio Esperanto estas simpla podkasta sonregistraĵo, kiu elŝuteblas en ajna momento. Oni povas aŭskulti la elsendon per simpla muzikaŭskultilo. Ĉiuj, kiuj havas bonan retaliron povas aŭskulti la sonmaterialojn en bona kvalito.

Kiu ekŝatas muzikon ĵus prezentitan en elsendo, tiu povas retskribi al la prizorganto Henriél: *henrielredtv@gmail.com* por ricevi informon pri la nomo de la artisto aŭ grupo kaj eventuale indikojn pri tie kie aĉeteblas la albumo. Sed se oni jam konas la informojn pri la artisto aŭ grupo, eblas mem esplori pri tio en la reto kaj havigi al si kontraŭ pago la diskon de la ŝatata muziko rekte de la muzik-vendisto aŭ eldonejo.

Perspektive, al la sonmaterialoj estos aldonataj ankaŭ videopodkastaĵoj.

Aminda Retradio Esperanto ekhavas propran blogejon: *www.amindaradio.wordpress.com*, kie ĉiuj esperantistoj povas skribi kuraĝigan mesaĝon, levi demandon pri aŭ komenti elsendon. Bonvenas la reagoj de ĉiuj.

Bonan aŭskultadon al ARE (Aminda Retradio Esperanto)! *www.djpod.com/amindaesperanto*.

**A. Adjévi**

************************************

## Limdato por *Esperanto en Afriko* n-ro 29: 15-a de septembro 2016

*Kion faras via landa asocio aŭ via loka Esperanto-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble ankaŭ estas sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al:* afrika.oficejo@gmail.com, adjevia@gmail.com *aŭ aerpoŝte al: Afrika Oficejo de UEA, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino; tel./fakso: +229 224 10 229.*

*"Esperanto en Afriko" estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Afrika Esperanto-movado.*

***Redaktas:*** *Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé – TG, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.*

**Membroj de la Afrika Komisiono de UEA:**
1- **Kunordiganto** – Adjévi Adjé, Togolando
2- **Vickunordiganto** – Jean Codjo, Kanado
3- **Junulara agado, TEJO-sekcioj** – Jérémie Sabiyumva, Burundo
4- **ILEI-sekcioj, regionaj agadoj** – Émile Malanda Nianga, Sudafriko
5- **Landaj asocioj, kluboj** – Jean Bosco Malanda Lutete, DR Kongolando

# Afrikaj proverboj por la "internaciigo" de nia lingvo

**Adjévi Adjé:** ***Afrikaj Proverboj*****. Presita en Koreio helpe de s-ro Lee Jungkee, 2014. 30 paĝoj, 21cm. [5 eŭroj, ĉe UEA]. La tuta vendoprofito de la libreto estas destinata por subteni la organizon de la 6-Afrika Kongreso kaj nutri la konton "Afriko" ĉe UEA.**

Mi volas legi la tekston de Adjévi Adjé ĉe la dorso de la kovrilo: *Mi volas rimarkigi ĉi-loke, ke mi neniel pretendas realigi kompletan liston de afrikaj proverboj. Kaj, en tiu ĉi kompilaĵo, la ordo de la proverboj baziĝis sur neniu kriterio krom la alfabetiga ordo. Entute, mi pensas, ke la estantaj kaj la estontaj esperantistoj tutmondaj preparos bonan ricevon al tiu ĉi libreto. Krome tiuj, kiuj ne nur kontentiĝos pri rapida trafoliumo de ĝiaj paĝoj, certe konstatos kun plezuro kaj ĝuo, ke la maldikeco de tiu ĉi libro kontrastas kun la varieco de la proverboj, kiujn ĝi enhavas.*

La libreto simple estas granda listo de afrikaj proverboj en Esperanto. Mi tre ŝatas proverbojn, mi jam faris filmon pri Esperanto-proverboj. Mi fakte ŝatas kelkajn en tiu ĉi libro. Mi volas prezenti ilin al vi nun. Eble ni povus komenci uzi kelkajn el tiuj proverboj por internaciigi Esperanton.

Mi simple iros al la unua, ĝi tekstas: *Akvon al ne soifanta ĉevalo ne donu*. Ĝi simple signifas, ke vi ne donu ion al homo, kiu ne bezonas ĝin.

Estas simpla proverbo: *Amo al mono estas radikoj de envio, de malbonvolo, kaj turmento estas la kosto*. Do ne amu monon – mi devas diri tion al mia edzino.

*Amo kaj malamo estas ĝemeloj*. Mi ŝatas tiun uzon de "ĝemeloj". Fakte, en afrikaj proverboj oni ofte uzas tiun vorton, signifantan ke aferoj iras kune. Do, ĉiam estas amo kaj malamo.

Tiu ĉi proverbo tre similas al la aŭstralia proverbo: *Celu ĉiam la lunon; eĉ se vi maltrafas ĝin, vi falos inter la stelojn*. (Aŭ, alternative: *Ĉiam celu la stelojn, kaj se vi maltrafas la stelojn, vi almenaŭ atingos la lunon*.)

Kaj estas alia: *Ĉiu rivero havas du flankojn*. Do ĉiu homo havas du personecojn, mi supozas, aŭ estas ĉiam du flankoj ĉe homo.

*Ĉiuj manfingroj ne egalas, sed ĉiu sian rolon plenumas*. Mi tre ŝatas tion, ĝi diras ke ne ĉiuj homoj estas egalaj, sed ni ĉiuj havas rolon en la mondo, laŭ mia kompreno de la proverbo. Eble povos signifi ion tute malsaman.




*En la arbaro kiam branĉoj interdisputas, ties radikoj interbrakumas.* Tio fakte pensigas min pri Esperantujo mem, ĉar la esperantistoj ofte batalas unu la aliajn, sed niaj radikoj – nia uzado de Esperanto – ne interdisputas. Tion mi pripensis: surface ni interdisputas, sed kerne ni estas samideanoj.

*Infano kiu neniam vojaĝas, pensas ke nur en la hejmo kuŝas bongustaj manĝoj.* Mi kredas, ke tiu ĉi proverbo estas tre grava por tiaj homoj, kiuj kredas ke ili havas la plej bonan landon en la tuta mondo. Tio ofte okazas en Usono. Ili diras, ke Usono estas la plej bona lando en la mondo. Eĉ tie ĉi en Aŭstralio ni diras, ke ni estas la "feliĉa" lando. Sed kiam vi multe vojaĝas, vi fakte vidas, ke ĉiu lando havas du flankojn.

La jena proverbo estas plej grava por politikistoj: *Kiam arbo falas, oni ĝiajn branĉojn derompas*. Kiam vi estas alta, vi estas grava, potenca homo; sed kiam vi finfine falas, eble pro stultaj decidoj aŭ pro io alia, viaj branĉoj (aliaj homoj) disrompiĝas, samdetruiĝas, dehakiĝas. Tio signifas, ke multe da homoj simple uzas vin, sed kiam vi falas, multe pli da homoj simple disiĝas de vi, ili ne volas helpi vin. Tio okazis kelkaj fojoj en mia vivo.

Kaj estas multe pli da proverboj, entute estas 500. Mi volas simple montri tion al vi (*https://youtu.be/sitI6TemlAY*).

**Richard Delamore**

# Tabelo pri supervido de la afrika agado de UEA

| Lando | Asocio | LA de UEA | TEJO | ILEI | Membraro | Kontaktulo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Angolo | 1992 | — | | | | Kinkani, Luanda |
| Benino | 2000 | 2001 | LS 2015 | LS | 500 | Gbadamassi, Lokossa |
| Burkino | | | | | | Armel, Ouagadougou |
| Burundo | 2005 | 2008 | LS 2008 | LS | | Sabiyumva, Rumonge |
| Ĉado | 2005 | — | | | | N'Djaména |
| Eburbordo | 1983 | 1989 | | | 175 | Kouablan, Abijan |
| Ganao | 1992 | — | | KP | | Alfred, Accra |
| Kameruno | 1991 | — | | | | M'boge |
| Kenjo | 2009 | — | | KP | | Kirwa |
| Komoroj | 2006 | — | | | 95 | Mihidjahi, Moroni |
| Kongo DR | 1963 | 1966 | LS 1990 | LS 2014 | 456 | Sumbu, Kinshasa |
| Madagaskaro | 2001 | 2006 | LS 1988 | | 70 | Fidilalao, Ambohidrapeto |
| Malio | 2005 | — | — | — | | Drissa, Bamako |
| Malavio | | | | | | Augustin |
| Niĝerio | 1995 | 2005 | | | 142 | Oguinye, Owerri |
| Niĝerlando | | | | | | Iliassou, Difa |
| Senegalo | 2011 | — | | | | Faye, Rufisque |
| Sudafriko | 1962 | 1969 | | LS 2012 | | Cloete, Pretoria |
| Sudsudano | | | | | | Anono Dodzi |
| Tanzanio | Jes | — | | | | Minani, Dar-es-Salaam |
| Togolando | 1987 | 1995 | LS 2000 | LS 2009 | 300 | Attaglo, Lomé |
| Ugando | | | | | | Matanya, Kigali |
| **22 landoj** | | **8 LA** | **5 LS** | **5 LS** | | |